

**BRAZILA ESPERANTISTO** OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

*94a jaro*
*N-ro 318*
*Marto 2002*

# La Kunularo de l' Ringo



**Legu la opinion de Tolkien pri Esperanto**

# Recife, nordorienta metropolo



# *Monteiro Lobato*

***Unu el la plej kreivaj brazilaj verkistoj, kiu forlasis la literaturon por movadumi por la progreso de Brazilo***

Abontarifo / Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajuano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

# Novaj akvoj el Fonto

## Banu vin kaj refreŝiĝu




*Purgatorio* *Dante Alighieri, 1a volumo*
*255* *22,5 x 31 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo*
*Klasika verko*
$ *40,00*




*La Duakanonaj Libroj, 2a volumo*
*Gerrit Berveling* *263* *14 x 21 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo,*
*Ilustraĵoj-Gustave Doré,*
*Bibliaj liblroj ne aperintaj en antaŭaj eldonoj de la Grekaj Biblioj*
$ *24,00*




*Lingva Planado kaj Leksikologio*
*Pluraj* *286* *14 x 21 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo*
*Kontribuoj de la partoprenantaro de la Internacia Simpozio organizita de Akademio de Esperanto, en Zagrebo* $ *24,00*

*Simboloj:* *Libro* *Titolo* *Aŭtoro* *Tradukisto* *Lingvistiko* *Biblio/Religio* *Poezio* *Nombro de paĝoj* *Grando* *Rimarko* *Komentario* $ *Valoro*

**Brazila Esperanto-Ligo**

*Caixa Postal 03625*
*70084-970 Brasília – DF*
*bel@esperanto.org.br*

*Mendeblaj ankaŭ ĉe*

*Universala Esperanto-Asocio*
*kaj ĉe la plej bonaj libroservoj tra la tuta mondo.*

*Membroj de BEL ĝuas rabaton je 10% kaj ne pagas sendokostojn.*

*Nepre mendu la kompletan katalogon de Fonto*
*Revendistaj rabatoj por libroservoj*

Fonto

*Ĉe BEL oni povas pagi ankaŭ per Visa-kreditkarto*

# Enhavo



## Kovrilo

Monteiro Lobato meritas la elstaran lokon en nia kovrilo. Kaj kune, Tolkien.




**Pri la nuna numero**

## Kovrilo

Pli grandajn literojn, pli grandajn literojn, petis multe da legantoj, rilate al nia enhavtabelo. Nu, jen pli grandaj literoj. Jen tre malfrua numero. Jen Monteiro Lobato en nia bela Brazila Esperantisto. Ĝuu ĝin tuj.

# La gazetaro pri Esperanto

Kio pri la misio de la gazetaro? Kio pri ĝia rolo en la socio, pri la grava tasko kiun ĝi havas kadre de demokratia lando? Multaj libroj kaj artikoloj jam estis verkitaj pri tiu ĉi temo kaj leginte kelkajn el tiuj libroj kaj artikoloj, oni prenos optimisman sintenon rilate al ĝi, ĉar ĉiuj igas nin konkludi, ke la ĵurnalistoj estas konsciaj pri la etiko kaj pri la respondeco objektive informi siajn multnombrajn legantojn.

Misinformado certe ne estas unu el la taskoj de la gazetaro, jen logika konkludo bazita sur la premisoj, kiujn adoptas la ĵurnalistoj. Ankaŭ ne prezenti antaŭjuĝemajn raportojn.

Tamen, ni, esperantistoj, jam estas lacaj legi en la gazetaro multe da stultaĵoj pri Esperanto. Misinformigaj raportoj fojfoje aperas en la tiel nomataj "grandaj ĵurnaloj kaj revuoj".

Plej laste estis la vico de *Jornal do Brasil*, kie sub la rubriko *Mascando Chiclê*, la ĵurnalisto Sérgio Rodrigues verkaĉis "objektive" pri Esperanto. Pro la reago de la rebatantaj esperantistoj, en la sekva publikigo de la rubriko la ĵurnalisto iom mildigis sian starpunkton kaj deklaris siajn dirojn "opinio". Des pli bone, ĉar ĉiuj rajtas preni ne favoran opinion pri Esperanto, sed ĉi-kaze, nia lingvo ne estas prezentata "objektive" kiel surogata lingvo.

Ĉio ĉi meditigas nin pri nia agado ĉe la gazetaro, pri kiuj aktivaj servoj ekzistas por disponigo al la gazetaro de fidindaj kaj ĝisdatigitaj informoj pri Esperanto.

Nu, BEL kreis sian Departementon de Komunikado kaj strebas starigi bone funkciantan gazetaran servon. La fazo de endatumigado de ĉiuspecaj periodaĵoj progresas, spite la malkunlaboremo de la plejmultaj esperantistoj, kaj baldaŭ ni certe povos kalkuli je forta kolono sur la kampo de informado, klopodante prezenti en nia gazetaro freŝajn kaj objektivajn faktojn pri tiu fenomeno tiom preterlasita kaj mistraktita de ĝi. Nia kulpo.





**Brazila Esperantisto**
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
93-a Jaro • Oktobro - Novembro - Decembro 2001 • N-ro 317
Aperas trimonate

**Eldona Stabo**
**Direktoro** Francisco Mattos de Oliveira **Laŭleĝa respondeculo** Emerson Werneck RG 06254JP/MG **Ĉefredaktoro** Fabrício Valle
**Konstantaj kunlaborantoj** Cicero Gabriel, Jimez Milanez **Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Paulo S. Viana, Carlos Pereira, Aloísio Sartorato, Luiz Alberto Coelho, Carlos Maria, José Pacheco, Luiz Rusilo, Valério Rodolfo, César Dorneles Soares, Emerson Werneck, James Piton, Fabiano Henrique, Edgar Massaaki, Gacy Simas, Jannes Mabesoone, Marcos Pimenta, Hamilton Nery **Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison de Novais Simas
**Grafika asistado** Luciana do Nascimento Maria, Alessandro Frutuoso Soares
**Revizio kaj tradukado** Carlos Pereira, Carlos Maria, Francisco Mattos de Oliveira, Jimes Vasco Milanez kaj Valério Rodolfo.
Redakcio ĉe BEL-sidejo
Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem • Abonebla ĉe UEA kaj ELNA



Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1905
**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 307, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, 70084-970 Brasília - DF
**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

# Adonis Saliba

*Sendube unu el la plej aktivaj veteranoj de la brazila Esperanto-movado. Jen difino per kiu ni pretas prezenti pri Adonis Saliba, inĝeniero, doktoriĝinta pri nuklea energio, enviciĝinta inter la pioniroj en la uzado de interreto en la brazila Esperanto-movado. Adonis Saliba ne rezignas ĉiam surprizigi nin per tute nova virtuala iniciato, sola aŭ partnere kun aliuloj.*

**BE** Vi delonge fosas vian sulkon. Kiom funde nia movado evoluis de via bakiĝo ĝis nun?

**Saliba** Ne multe, oni eĉ povas diri, ke nombre ĝi iel ŝrumpis. Fakte, la nuntempa movado estas pli reala, malpli klubeca, pli interreta kaj pli agema kaj eĉ pli profesia. Oni ne plu estas hobiisto, oni ja emas al plia enprofundiĝo de la ideo de lingvo internacia. La homoj nuntempe parolas pli Esperanton ol antaŭe. Tiu estas grava evoluo laŭ mi. Mi memoras, ke en 1969, tuj post mia bakiĝo, mi alvenis al la sidejo de BEL en Rio-de-Ĵanejro kaj tie mi trovis Carlos Domingues, tiama prezidanto de BEL, kaj mi, en la vervo de la unuaj momentoj lin salutis en Esperanto kaj li tre sintene salutis min en la portugala. Poste, mi sciis ke li ne multe emis paroli esperante por ne makuli la lingvon. Pura fanatikeco de la antaŭaj tempoj, kiu multe ŝanĝiĝis nun.

**BE** Ĉu vi kredas, ke nur ses jaroj antaŭ la centjariĝo de Brazila Esperanto-Ligo, ĝi estas preparita por la granda defio pli intense disvastigi Esperanton en Brazilo? Ĉu mankas io?

**Saliba** Vidu bone, profesieco kaj sana administracio estas la postvivo en entreprenoj. Nature ke BEL ne povas esti riska afero, tamen ke la ĉefa produkto de BEL, Esperanto, estu bone zorgata. Esperanto estas potenca komerca marko, ĉar estas nature kunligita al paco kaj internacieco. Kial ne klopodi alpropriGi al BEL la markon "Esperanto" por disvendi kaj diskonigi Esperanton en Brazilo? Tio povas esti unu el la plej grandaj enspezofontoj por BEL. Ĉu ne? Do, ke oni pensu profesiece kaj etike, kaj oni povas samtempe doni al Esperanto pli da utileco. Vidu aliajn ekzemplojn ĉi kampe: BEL povas enhavi "firmaojn" por krei komercajn markojn kun la nomo Esperanto por disvendi al la merkato internaciskale. La esperantaj markoj estas tre facile rekoneblaj kaj ĉarmaj al la oreloj: Lupo, Movado, Fido, Astrale, Mirinda ktp. Elekti nomojn por komercaj entreprenoj estas unu el la plej gravaj aferoj por diferencigi la produktojn. Ke oni esploru la ekzotikecon de la lingvo kaj siajn filozofiajn fonojn, kiuj jam estas ĝenerale akceptataj kaj oni gajnu monon por la movado.

**BE** Vi parolas pri e-markoj de plej diversaj varoj, sed ni ne forgesu, ke niaj organizaĵoj estas administrataj de volontuloj, kiuj ne ĉiam havas konojn kaj spertojn pri administrado. Aliflanke, nuntempe en Brazilo la tiel nomata Tria Sektoro paŝas firme al funda profesiiĝo. Kio pri la profesiigo de niaj asocioj? Ĉu ni estas maturaj por tio?

**Saliba** Antaŭenpuŝo dependas de profesiigo, do oni nepre dependas de esperantistoj kiuj estas jam profesiaj en la diversaj fakoj, ĉefe la administraj. Oni ja bezonas pretajn homojn kiuj pretas al la laboro. Por fari tion oni nepre devas insisti pri altnivela formigo de esperantistoj kun universitata nivelo. BEL devus insisti prioritate en la diskonigo de Esperanto en fakultatoj kaj universitatoj. El tie venos la estontaj altnivelaj esperantistoj por nia movado. Timo agi propagandcele en fakultatoj estas prokrasto al plia evoluo de nia movado.

**BE** Verŝajne vi estas nia pioniro sur la kampo de la agado por Esperanto pere de interreto. Kion instruis al vi via agado?

**Saliba** Esti pioniro ne estas plezuriga afero, multefoje ĝi ja estas doloriga. Tiu pionireco komenciĝis en la tempo de BBS Alto Astral kaj Mandic BBS, kiam mi komencis disvolvi



mian agadon por diskonigi Esperanton. Tio estis en 1993. Eble Piton samtempas al mi en tiu pionireco. Poste, mi migris al la listoj VEKI, en siaj diversaj formoj, kaj al EKI en 1998. Hodiaŭ, mi sentas ke mi malplezurigas multajn kaj mi iel fariĝis ĝena homo en interreta kampo. Kelkaj eĉ entute malkonsideras min. Tiu estas la doloriga parto. Mi ne volas ies malkonsideron, tamen al mi ne plaĉas la malestimo al mia nomo. Tio odoras rivalecon. Pro tio mi bedaŭras, ke mi estas pioniro, eble kiel simpla kunlaboranto mi daŭre povos multe fari ne ĝenante la homojn. Tamen, mi klopodas ne kadukiĝi. Mi daŭrigos mian laboron, eble en tre granda entrepreno kunlige al Monda Universitato kaj BEL. Mia nuna sperto estas, ke Interreto vivas komplike psikologian medion, kaj Esperanto dependas de siaj elektronikaj idoj por enkonduki ĝin en tian medion. Espereble, en pli paca etoso.

**BE** Monda Universitato en interreto estas vere interesega afero. Bonvolu prezenti detalojn pri tiu projekto.

**Saliba** La ideo estas simpla. Homoj, kiuj povas instrui iun interesan lernobjekton, estos perataj de MU, kiu diskonigas kaj garantias la lernadon, en Esperanto aŭ en la lingvo dediĉitaj de la du partoj (instruisto/lernanto). La lernanto pagas por la virtualaj lecionoj, MU garantias la daŭron kaj la pagon al la instruisto, la instruisto donas personan asiston al la lernanto kaj taksas la lernonivelon de la lernanto de tempo al tempo, MU finfine peras la diplomon kaj eventualajn rajtigojn al profesiigoj.

**BE** Ĉu ni povas diri, ke interreto estas la unua granda ŝanco de Esperanto?

**Saliba** Kiel mi diris antaŭe, Interreto estas vera etoso por Esperanto kaj eĉ donas al ni unu el la plej ĉarmaj indikiloj montrante la forton de Esperanto inter la "kleraj" lingvoj de la mondo. En statistika datumaro de *google.com* (serĉretloko) oni vidas, ke post la angla venas la germana, sekve la hispana, la franca. La portugala venas en la 13a pozicio. Esperanto estas en la 24a pozicio inter 66 listigitaj lingvoj, kiuj havas domajnojn en interreto, tuj post la greka kaj antaŭ la ceĥa. Tiu estas admirinda indikilo, kiu diras ke la esperantistoj estas kleraj homoj kaj ke ili fakte valorigas nian medion altstile. Tio estas ne refutebla datumo pri nia movado. La sola konkuranto de Esperanto, en tiu listo, estas Interlingua, en la 58a pozicio. Tio montras la potencon de virtuala laboro de la esperantistoj. Oni nur bezonas kunligi tiun potencialon por profitigi kaj profesiigi la homojn. Kial ne ĝenerale disponigi en interreto grandan edukcentron por instrui kaj trejnadi ilin? Tiu estas la longa vojo kie oni povos montri la utilecon de Esperanto kaj sia reto. Tamen, tiu laboro devas esti profesia.

**BE** Antaŭ nelonge vi fariĝis doktoro pri Nuklea Teknologio. Parolu iomete pri tio.

**Saliba** Ho jes! Mia doktoriĝo estas kronado de miaj akademiaj studoj. Mi fakte estas dufoja magistro pri metalurgio, unu titolo akirita en Brazilo kaj la alia en Sheffield, en Anglio. Tiu doktoriĝo estas pri nuklea teknologia pritraktanta korodprotekton al tre fortaj magnetoj NdFeB, kiuj estas absolute korodemaj. Mia tezo certe liveros du patentojn, unu pri la disvolviĝo de kemia tratado per fosfatiĝo de la magnetsurfaco kaj la alia pri ĝenerala laboratoria kontrolado de korodo. Mi ankaŭ esperas, ke tiuj titoloj estu utilaj al Esperanto por helpi enkonduki ĝin en Universitato de San-Paŭlo. Pri tio ni laboros.

**BE** Kiun strategion ni devas adopti por ke Esperanto estu pli vaste utiligata sur la kampo de scienco?

**Saliba** La problemo estas, ke la esperantistoj estas hobiemaj rilate al Esperanto. Multaj nur pensas pri la lingvo kiel simpla komunikilo inter la homoj. Mi preskaŭ certas, ke plena akceptiĝo de la lingvo dependos de merkatuma elmontro de la lingvo kiel taŭga ilo. Mi vidas ekzemple, ke Ledon multe strebas sur tiu kampo kaj mi devas konfesi, ke mi malmulton faris sur tiu kampo.

Tamen, mi klopodos ekvilibrigi en frua estonteco miajn sciencajn produktaĵojn, produktante kelkajn eseojn pri korodado kaj korodprotektado de metaloj.

**BE** Alia grava problemo estas la manko de fakaj libroj. Eldonado havas siajn kostojn, ĉu ne? Verko de Claude Piron aŭ nova romano iom pli vaste

vendiĝas, sed libro pri medicino, metalurgio aŭ fiziko, por ekzemplo, ne trovos multe da legantoj en Esperantio. Do, certe la movadaj eldonistoj ne kapablas eldoni tiajn librojn. Kiun vojon ni sekvu por superi tiun malfacilaĵon?

**Saliba** La metiaj profesiuloj, kiuj parolas Esperanton, devas konvinkiĝi ke la nuna Esperanto-movado bezonas rajtigon de la komunumo rilate al scienca uzado de Esperanto. La vojo estas skribi en Esperanto pri la fakajn tekstoj. Esperantistoj kiuj ne skribas pri siaj metioj en Esperanto, laŭ mi estas simplaj hobiistoj rilate al la lingvo kaj valoras malmulton por la estonteco de la movado. Hodiaŭ oni povas facile publikigi kion ajn en altnivela kaj profesia elektronika libro kaj preskaŭ senkoste diskonigi tiun materialon per la reto. Do estas nepardoninde al veraj esperantistoj ne skribi pri siaj metioj en Esperanto, ĉu ili estu pri farado de tegoloj aŭ pri la energioj de nukleaj reakcioj. Tamen, ke oni skribu pri trikado, pri spica kuirarto, pri bredado de lumbrikoj por fiŝallogo, pri kio ajn oni volas, kaj Esperanto-movado dankos.

**BE** Kiel marŝas la movado en San-Paŭlo?

**Saliba** Laŭ mi, oni postvivas en la centra sidejo de la urbo kaj tre maljuniĝas. Dum niaj monataj renkontiĝoj, oni praktikas la lingvon tamen sen la vivanteco de la junularo. Mi certe kunligus la lokon kun aktivaj aferoj, kiuj iel rilatadas al Esperanto, kiel turismagentejo, eldonejo, danco-, lingvo- aŭ teatrolernejo ktp. Tamen, la esperantistoj daŭre insistas kunligi Esperanton kun nenia entreprenado. Tio ne portas profesiecon al la movado, nur hobiecon. Do, mi preferas esti for de kiu ajn administracia pozicio en kluboj de Esperanto pro tiu daŭra sinteno de la veteranaro. En aliaj urboj de la ŝtato kaj eĉ en kvartalaj kluboj de la urbo San-Paŭlo la movado vivas iomete depende de religiaj sintenoj de la homo. Tio iomete skismigas la movadon, tamen la burĝonoj floras ĉie.

**BE** Alia interesa aspekto de nia movado estas, ke la vigla aktiveco en niaj diskutlistoj verŝajne restas nur en la virtuala mondo. Kion ni faru por varbi tiujn novbakitojn de la virtuala mondo por niaj vicoj ekster interreto?

**Saliba** Oni povas fari nenion, ĉar ĉiu havas sian vivstilon. Interretaj esperantistoj normale nur vivas en tiu virtuala medio kaj ne ŝatas la vivon kaj agemon de la esperantistoj. Ili estas tre seriozaj kaj agemas, sed nur virtuale. Interreto malkovris tute novan grupon da esperantistoj kaj malmultaj estas kiel mi, kaj mi konstatas ke multaj estas kiel mi, kiu ŝatas ambaŭ mondojn.

**BE** Kiun mesaĝon vi volas doni al la novaj generacioj de esperantistoj en Brazilo?

**Saliba** Dio mia... sur la ŝultrojn de junuloj kaj entuziasmuloj pri interkompreniĝo kaj paco en la mondo sidas la grava motivigo por Esperanto. Oni ne nepre dependu de la bonvolo de ĵurnalistoj por diskonigi la lingvon, oni mem diskonigu ĝin, sed kun fundaj kaj koheraj argumentoj. Esperantistoj por mi estas ne la uzanto de la lingvo, sed vere la informa aganto de la lingvo. Do, informado per pozitivaj kaj veraj argumentoj pri la lingvo estas la bazo de bona estonto por Esperanto.

**BE** Nu, viaj lastaj vortoj...

**Saliba** Nuntempe mi treege maltranviliĝas pro la malĉeesto de Esperanto en altnivelaj centroj. Ekzemple, en aerhavenaj budoj malestas esperantaj lernolibroj, en vendejoj de lingvaj kursoj tute ne ekzistas libroj pri kaj en Esperanto.

Esperanto-instruado estas fakte tre malaltnivela, infaneca kaj ĉiam volas prezenti Esperanton broŝure facilega. Kaj la publiko por la ekzistantaj metodoj estas ne tiu, kiu portos Esperanton al ĝia vera kondiĉo kiel internacia lingva solvo. Do, kion fari? Oni devas labori. Nepre ellaborendas altnivela libro por instrui studentojn kaj instruistojn, por instrui profesiulojn. Mi alpaŝadas en tiun direkton kaj espereble mi lanĉos instrumetodon kun multaj alvokoj al ONU, tutmondiĝo, apero de Eŭro, demokratieco en lingva uzado, konkeroj de Esperanto movado en la batalo por internacia lingvo, internaciiĝo de la lingva komunumo, sed ĉiam proponante al la lernanto fundan encerbiĝon pri la temoj. Do, mi intencas formi grupon de ne hobiistoj, sed de homoj vere koncernaj al la celo de Esperanto. Ĉu mi kapablos? Bone, mi klopodas fari ion. Espereble multaj same sekvos min.

# Aktivule per la reto

Por defendi siajn rajtojn kaj siajn ideojn, personoj kutimas kuniĝi ĉirkaŭ organizaĵoj, asocioj, grupoj, sindikatoj, partioj ktp, tiel klopodante laŭtigi sian socian voĉon. Tio estas ĝenerala trajto de la sociemo de la homo. Malgraŭ tio, en la Esperanto-movado ni ofte esence dependis ankaŭ de iniciatoj de unuopuloj, kaj apud la laboro de niaj asocioj, naskiĝas agadoj de la propraj esperantistoj, kiel efiko de la idealismo kiu pelas la plejmulton el ni. Tamen, ne malofte bonaj ideoj malaperas, ĉu pro manko de apogo, rimedoj aŭ kunlaborantoj, ĉu pro sterilaj diskutoj kaj perdo de entuziasmo antaŭ la vojaj malfaciloj.




Interreto nun donas nekompareblan forton al la organiziĝo de la homoj, pro la facila komunikado, rapida informado kaj bunta rimedaro. En ĝi, la batalo okazas precipe je la nivelo de ideoj kaj ties diskonigado, kaj do ankaŭ la varbado de samideanoj fariĝas pli facila. La rimedoj ne plu estas ĉefa problemo, kaj ekrolas pli grave iniciatemo, talento, persistemo kaj strategio, krom, evidente, la ideoj mem. Eĉ etaj grupoj kaj individuoj, posedantaj la menciitajn ecojn, havas vastan kultivejon antaŭ si; kion diri do pri tiuj, kiuj pli bone organiziĝas?

Kaj ni, kiel profiti do el tiu potenco?

Estas facile konstati ke la nova grundo liverata de la reto povas esti tre fruktodona ankaŭ al la agadoj de esperantistoj. Per ĝi, unuopaj iniciatoj povas facile fariĝi grupaj iniciatoj, kaj tiel ampleksiĝi kaj plifortiĝi. La etoso de diskutlistoj, kiel retaj forumoj, montriĝas aktiva kovejo de multaj novaj projektoj, kaj oni spektas la formiĝon de laborgrupoj. Kaj ĝuste tiel, "Laborgrupo", nomiĝis bona ekzemplo inter la brazilaj grupoj jam aperintaj en la reto, klopodante nun restariĝi (vizitu *www.e-laborgrupo.cjb.net*). Alia vojmontra iniciato, kvankam antaŭnelonga, kiu ekzempligas la vastecon de la nova horizonto, estas la internaciskala Rebato-Servo (*http://groups.yahoo.com/group/rebato*), kiu kunligas samideanojn je la reago al citaĵoj pri Esperanto aperintaj en la amaskomunikiloj tutmonde.

Kaj oni ja ne trompiĝu: "per" la reto ne signifas nepre "por" la reto. Fakte, kunlaboro ĉiunivela plej gravas, kiel ekzemple atestis la (sukcesa) kampanjo por la meto de ŝildoj en Esperanto en la novan stacidomon de Rondonópolis (MT), danke al la kuna agado de la lokaj esperantistoj kaj la apogo de samideanoj el la tuta mondo. Ununura ekzemplo, inter pluraj aliaj.

La samo validas por niaj esperanto-asocioj, kiuj povas ankaŭ ege profiti la strukturon de la reto por ampleksigi sian laborkampon kaj por engaĝigi siajn membrojn al partopreno pli aktiva en la vivo de la organizaĵo. La sinteno antaŭ la nova medio devas esti ja inkluda, kaj ne ekskluda.

Estas tempo organiziĝi kaj bonvenigi la novajn ideojn. Nun, pli ol antaŭe, bezonatas pragmatismo por ke ni ne perdiĝu je senfinaj diskutoj meze de la vojo, blindigitaj de la raveco de la facila komunikado aŭ eĉ de senkiala kontraŭstaro. Dependas nur de ni.

## BEJO-Listo *http://br.groups.yahoo.com/group/bejo-listo*

Kun pli ol 2000 mesaĝoj interŝanĝitaj, la diskutlisto de BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo) jam de pli ol unu jaro sukcese kunligas entuziasman partoprenantaron, en etoso de preskaŭ nula krokodilado. Rajtas partopreni la liston gejunuloj (ĉu bejo-anoj aŭ ne, malpli aĝaj ol 30 jaroj), kaj ankaŭ la protektantoj kaj patronoj de la asocio. Por aliĝi, sendu mesaĝon al *bejo@ieg.com.br*, kun via nomo, aĝo kaj adreso.

## Sementeira Esperanto *www.npoint.com.br/sementeira*

En la paĝo de "Semejo Esperanto", de Fernando Marinho, troviĝas ora kolekto da artikoloj portugallingvaj pri Esperanto, verkitaj de li en la lastaj jaroj. Ankaŭ estas aliaj tre interesaj aferoj, kiel la tekstoj de la prelegoj kiuj okazis en AERJ (la Asocio Esperantista de Rio de Janeiro).

*Jimes Milanez estas studento pri elektro*

# Kien la brazila futbalo?

Emerson Werneck*

Ronaldo, Ronaldinho, Romário, Rivaldo? Ne. La elstaraj nomoj el la finala matĉo de la lastjara Brazila Futbala Ĉampioneco estas Sílvio Luiz, Daniel, "Magrão", "Esquerdinha", Pires, Igor, Rodriguinho kaj Dagoberto. Se vi ne loĝas en Brazilo kaj neniam aŭdis pri tiuj futbal-ludistoj, ne miru: ankaŭ tie ĉi ili ne estas tre konataj. Kaj tamen ili estas la ludistoj de São Caetano kaj Atlético Paranaense, ĉefroluloj de la historia finalo de la ĉampioneco de la jaro 2001. Historia, ĉar la unua kaj dua lokoj de la turniro delonge ne apartenis al tiel malgrandaj futbalkluboj. Ĉiuj cirkonstancoj ĉirkaŭ "Brasileirão" (kiel konatas la turniro) de 2001 kaj ties rezultoj eble igis la eksterlandajn observantojn sin demandi: kio okazas al la brazila futbalo?

Por tiuj, kiuj alkutimiĝis spekti nur la mondan sukceson de steluloj el Flamengo, Vasco, São Paulo kaj Corinthians, eble malfacilos akcepti la triumfon de tiuj du futbalteamoj riveliĝintaj en 2001. Aŭ kompreni onidirojn pri koruptado en brazilaj futbalkluboj. Eble mankas iom da aktuala informo por ekkompreni la krizon, kiu turmentas la futbalan medion (kaj cetere la sportan - kial ne?) en Brazilo.

Kiuj do estas tiuj du famnekonataj teamoj? *Sporta Asocio São Caetano*, kromnomo "Azulão" pro la koloro de sia uniformo (*Bluegulo*, kiu estas ankaŭ ordinara nomo por tiukoloraj birdoj), estis eĉ konata de la brazila publiko, ĉar ĝi fariĝis vicĉampiono en la brazila turniro de 2000. Ĝi estas teamo kiu oficiale ekestis en 1989, en São Caetano do Sul, urbo de la ŝtato São Paulo. La plej fama ludisto, kiu iam aktivis en tiu teamo, estas la golulo Edinho, filo de Pelé.

Iuj diras, ke ĝin favoris la regularo de la turniro, ĉar alimaniere ne eblus alfronti la grandajn teamojn kaj atingi la duan lokon. Aliaj kredas, ke tiu klubo spertis grandan maljuston, ĉar se la regularo vere estus respektata, la *Bluegulo* estus tiama ĉampiono. Tio konfirmas, ke la futbala krizo atingas eĉ siajn proprajn regulojn.

Aliflanke, la ĉampiono *Atlético Paranense*, kun la kromnomo "Furacão" (Uragano), estas aktiva depost 1924, kiel produkto el kunfandiĝo de du teamoj en la ŝtato Paraná (América kaj Internacional). La teamo atingis la ĉefan tavolon en 1995, kiam oni renovigis ties ludistaron, modernigis ties blazonon kaj malkonstruis ties stadionon. Sur tiu spaco oni starigis "Arena", la plej moderna futbalstadiono en Latinameriko. La teamestro Geninho opinias, ke li kontribuas per sia juna teamo kaj per sia stilo, kiu valorigas la ludistan lertecon, por restarigi la spiriton de la vera brazila futbalo.

Nu, Brazilo ŝatas prezentiĝi kiel "la lando de futbalo". Ĉu ĝi tamen plu meritas tiun ĉi titolon? Ĉar malgraŭ kelkaj milionulaj ludistoj, kiujn ni eksportas ĉefe al Eŭropo, ni ne povas nuntempe aserti, ke la brazila nacia teamo indas je tiu uniformo. La futbalo, kiun oni ludas, ekster-



* Emerson Werneck estas jurnalisto kaj lastatempe regule kaj aktive partoprenas la redakcian stabon de Brazila Esperantisto

lande kaj enlande, ne plu montras inventemon kaj estas klare pli regata de forto kaj sameco ol de arto. Ne plu eblas kaŝi al la mondo la embarasajn klopodojn, kiujn nia teamo bezonis fari por sukcesi sian lokon en la baldaŭa Mondpokalo. Ni plu estas la sola lando, kiu partoprenis ĉiujn Mondpokalojn, sed per kiom da klopodoj kaj pro kiuj meritoj? Ĉu tia estas la stilo, kiu kvarfoje estis signo de mondĉampiono?

Estas kompreneble, ke en aliaj landoj oni ne tiel diskonigis raportojn pri koruptado ĉirkaŭ la brazilaj futbalkluboj, aŭ pri la financaj malfacilaĵoj de la grandaj teamoj. Ĉiam pli interesas, ĉiam pli da ĵurnaloj oni vendas per la novaĵoj de la centa mirinda golo de iu Cafu, aŭ pri la lasta aĉeto de la miliardulo Ronaldo, kiun oni ne plu havas la plezuron spekti en aktivado. Jam estas tempo, tamen, malkaŝi la maltrankviligajn miskondutojn de gvidantoj kaj de kelkaj ludistoj, por ke oni komprenu ke la nuntempa krizo estas simpla rezulto de longjara degeneriĝa proceso de la brazila futbalo.

Iuj opinias, ke depost la "Mondpokalo de Ronaldo" (Francio, 1998), post la fiasko en la finala matĉo, la brazilaj ludistoj suferas sisteman seniluziiĝon, kiu atingis eĉ la aliajn teamojn. Sed oni ne prenu tion serioze. Ni kontrolu la faktojn. Laŭ la lasta enketo de INSS (la brazila socia asekurinstituto), nia futbalo ŝuldas 283,8 milionojn da realoj (US$ 120 milionoj) kiel nepagita socia asekuro. La kluboj ŝuldas 251 milionojn kaj 32 milionojn la Brazila Futbal-Konfederacio (CBF) mem, kune kun la ŝtataj federacioj. Flamengo sola ŝuldas 10 procentojn de la tuto, ĉ. 28,6 milionojn.

Ankaŭ *Uragano* kaj *Bluegulo* ne estas for de fiska skandalo, ĉar ambaŭ ŝuldas (2 milionojn kaj 44 mil realojn, respektive).

Oni konstatas do gravegajn erarojn de nur kelkaj homoj, kiuj kompromitas la bildon kaj la efikon de ĉiuj brazilaj futbalteamoj. Kio pri la socia kompromiso de tiuj grandaj kluboj, kiam ili simple mispagas siajn sociasekurajn devojn? Evidente ili povas eĉ preteksti financajn malfacilaĵojn, kiujn oni alfrontas de jaroj. Sed tiujn malfacilaĵojn certe kaŭzis la samaj gvidantoj, tro ambiciaj, kiuj kompromitis pli ol la disponeblo, kiuj troe pligrandigis la salajrojn de siaj steluloj, sen disponigo de taŭga sekureco en la stadionoj por ke la publiko amase ĉeestu. Tiuj, kiuj spektis la finalon de 2000, ekzemple, atestis pri hontinda katastrofo, kiu fizike vundis multajn.

Kiam la brazila Senato malkovras en sia enketo, ke pluraj ludistoj mispagas impostojn, ke ili devojigas monon, ke ili falsigas dokumentojn por ŝanĝi sian teamon aŭ landon, oni ekvidas, ke io estas tre erara. Kiam oni malkovras, ke eĉ kelkaj politikistoj mem estas ligitaj al tiuj nelaŭregulaĵoj kaj ofte la plej grandaj faciligantoj por tio, ankaŭ ĉar temas pri elstaraj personoj en futbalo (kiel Eurico Miranda kaj la neforgesebla Pelé), oni ekkomprenas, ke io estas nepre farenda por elsavi la restaĵojn de la brazila futbalo.

Eĉ en la ludejoj oni ne plu vidas montrojn de tia futbalo, kiu famigis nin, tiu arta futbalo, kiu entuziasmigis ŝatantojn el la tuta mondo. Male, oni bedaŭrinde konstatas la sendistingan kreskon de perforto en la ludejoj, kiun praktikas ne nur la organizitaj partizanoj sed ankaŭ la ludistoj mem. Ĉu tamen la du novaj ĉampionaj kluboj ne anoncas tion, nome novan futbalstilon, sen steluloj, sed ankaŭ sen perforto, sen milionecaj salajroj, sed ankaŭ kun dediĉo al la teamo?

Ĉu redukti la milionecajn salajrojn de la ludistoj estus solvo? Ĉu la regionaj turniroj, nuntempa modo, estus kreita de prezidanta dekreto? La dekreto, kromnomita "Leĝo Pelé" antaŭvidis la teknikan kriterion kiel formon por ke klubo aliru turnirojn, sed ĝi jam estas polemiko, pro pridubindaj aliriĝoj, ĉefe en la regiono Rio-São Paulo kaj la Nordorienta regiono. Eble la vera solvo estas aludita en la teksto de la himno de São Caetano, kiu petas de sia teamo eniri la ludejon "...kun disciplino kaj respekto al siaj rivaluloj..." kaj ke ĝi "...montru al la popolo tion, kio estas futbalo...". Ni esperas, ke la simpleco de tiuj versoj inspiru kaj ludistojn kaj gvidantojn al reorganizado de la strukturo de tiu spektaklo, kiu tiel entuziasmigas milionojn da apogantoj en la tuta mondo. Se tio ne eblas en lando kie estas pli da entuzias-memuloj, estas timinde, ke la monda futbalo malgraviĝu pli kaj pli. Ni kontrolu ĉu la Mond-pokalo en Japanio/Koreio montros novaĵojn...

# Inventitaj idiomoj en kinoarta kunteskto

Oni diras, ke John Ronald Reuel Tolkien (1892-1973) unue kreis lingvon, kaj ĉar lingvo ne ekzistas sen ia ajn kuntesto, li komencis verki historion por roligi la lingvon. Aliaj diras, ke lia eksterordinara verkaro naskiĝis tute hazarde, iam dum la 30aj jaroj, kiam Tolkien enuigita de sia laboro kiel profesoro pri literaturo en Oxford, notis sur paperon la frazon "En truo vivis hobbito". Jen la komenco de lia "La hobbito", libro publikigita en 1937, en kiu li priskribis la vivon de etuloj nomataj hobbitoj, kiuj vivis en truoj kaj ŝategis multe manĝi.


Foto: interreto

Kio veras? Ne gravas, ĉar la verkaro de Tolkien fariĝis unu el la plej fama el la mondo kaj kial li komencis ĝin verki estas detaleto. Post "La Hobbito" venis "La Mastro de l' Ringo", kiu konsistas el tri volumoj: "La Kunularo de l' Ringo", "La Du turoj" kaj "La Reveno de la Reĝo"

"La Mastro de l' Ringoj" estis verkita dum la Dua Mondmilito, kaj ĝia eldono okazis inter 1945 kaj 1955, kaj ekde tiam la tri volumoj el kio ĝi konsistas vendiĝis po pli ol 100 milionoj da ekzempleroj.

Nu, kiel ofte okazas pri ĉiuj gravaj kaj famaj libroj, la kinoarta industrio decidis enfilmigi la historion. La unua volumo, La Kunularo de l' Ringo, jam estas spektata tra la tuta mondo, kaj nur en Brazilo 1,2 milionoj da homoj spektis la filmon en ĝia unua semajno.

La ĉefaj roluloj kreitaj de J.R.R. Tolkien por la Kunularo de l' Ringo estas sintezo de la diversaj mitologiaj estaĵoj lernitaj de la verkisto kaj la lingvoj kreitaj de li en la praktiko neniam ekzistis, sed ili uzeblas. Ekzistas kelkaj grupoj de admirantoj de Tolkien tra la mondo, kiuj


Foto: interreto


Foto: interreto

lernas kaj parolas la Altan Elfeskon. Bedaŭrinde la verkisto ne postlasis detalojn pri la funkciado de ĉiuj siaj inventitaj idiomoj, kaj multo el la konataj aferoj pri ili troviĝas interlinie en lia verkaro. Jes, ja, tre bedaŭrinda afero, ĉar se li estus lasinta detalojn pri siaj inventaĵoj, eble ili allogus la reformemulojn kiuj abundas en Esperantio, kio tre favorus la internacian lingvon.

# Subtenu lojale Esperanton*

J. R. R. Tolkien



Mi interesiĝas kiel filologo, kaj kiel devus ĉiu filologo, pri la internacilingva movado kiel grava kaj interesa lingva fenomeno, kaj mi simpatias precipe la pretendojn de Esperanto. Mi ne estas praktika esperantisto, kvankam ŝajnas al mi post iom da pripensado dezirinde, ke konsilisto almenaŭ certagrade estu tia. Mi scias nek skribi nek paroli tiun lingvon. Mi konas ĝin, kiel dirus filologo, pro tio, ke antaŭ 25 jaroj mi lernis kaj ne forgesis ĝiajn gramatikon kaj strukturon, kaj iam legis sufiĉe multajn skribaĵojn en ĝi, kaj tial ke mi estas klerigita pri tiaj aferoj, mi sentas min kompetenta havi opinion pri ĝiaj mankoj kaj bonegaĵoj. Sekve mi sentas, ke mi ne povas utile kontribui, krom kiel filologo kaj recenzisto. Sed tia estas precize mia startpunkto rilate la internacilingvan situacion, ke tiaj servoj, kiom ajn valoraj teorie, estas praktike ne dezirindaj; efektive, ke venis tempo, kiam filologa teoriisto estas malhelpo kaj ĝeno. Tio estas vere la plej forta en miaj motivoj por subteni Esperanton.





Esperanto ŝajnas al mi sendube, en sia tutaĵo, supera al ĉiuj aktualaj konkuraĵoj, sed ĝia ĉefa pretendo al subteno laŭ mia opinio estas la fakto, ke ĝi jam okupas la unuan lokon, havigis al si la plej larĝan kvanton da praktika akcepto kaj evoluigis la plej altgradan organizadon. Ĝi fakte similas ortodoksan eklezion, kiu frontas ne nur al nekredantoj, sed ankaŭ al skismemuloj kaj herezuloj – situacio antaŭvidita de filologoj. Sed kondiĉe je ia necesa grado de simpleco, internacieco, kaj (mi volas aldoni) individueco kaj eŭfonion, - kiun Esperanto nepre atingas kaj superas – ŝajnas al mi memevidente, ke la plej elstare grava problemo solvenda de aspiranta internacia lingvo estas universala diskonigo. Ilo, kiu estas malpli perfekta, tamen havas eblecon realigi tion, pli valoras ol cent, kiuj teorie pli perfektaj. Ne ekzistas definitivo en lingvaj inventado kaj gusto. Fajna inventemo pri detaloj estas kompare malgrava, post la necesa minimumo; kaj teoriemuloj kaj inventemu loj (al kies trupo mi volonte aliĝus) simple malhelpas la movadon, se ili pretas oferi unuanimecon pro "plibonigado".

Efektive ŝajnas al mi ankaŭ, ke teknika plibonigo de la strukturo, ĉu cele al pliaj simpleco kaj klareco, ĉu al pli larĝa internacieco, aŭ al kio ajn, emas detrui la "homecan" aŭ estetikan aspekton de la inventita idiomo.

Tiun supozeble nepraktikan aspekton ŝajnas grandparte malatentita de teoriemuloj; kvankam mi imagas, ke ĝi ne estas vere nepraktika, kaj finfine profunde influos la ĉefaferon de universala akceptiĝo. Ekzemple N** estas inĝenia kaj pli facila ol Esperanto, sed malbelega – "uzina produktaĵo" estas klare surskribita. Aŭ prefere "kreita per rezervaj partoj" – kaj tute mankas al ĝi tiu ekbrilo de individueco, kohereco kaj belo, kiu aperas en la grandaj naturaj idiomoj, kaj kiu efektive aperas certagrade (verŝajne ĝis tia grado, kia eblas ĉe artefarita idiomo) en Esperanto – kio pruvas la genion de la originala aŭtoro...

Mia konsilo al ĉiu, kiuj disponas tempon aŭ inklinon okupiĝi pri la internacilingva movado, estus: "Subtenu lojale Esperanton".

* Titolo de la originala teksto: Filologisto, el la Esperanta versio de la libro La Kunularo de l' ringo.

# Konkurso Novaj Talentoj

## Regularo

La revuo *Brazila Esperantisto*, kun la celo instigi junajn verkistojn diskonigi siajn verkojn kaj samtempe prepari siajn estontajn kunlaborantojn kaj redaktantojn, lanĉas la konkurson NOVAJ TALENTOJ, kiu premios la tri plej bonajn tekstojn en Esperanto pri la ĉijara temo. Oni sendu ilin ĝis la 30-a de julio 2002 (kiel dato validos la afrankdato de la kovertoj).

- La ĉijara temo estas "La jarcento dum kiu la mondo malvastiĝis".
- Rajtos partopreni kiu ajn el Brazilo kaj el aliaj landoj (escepte de tiuj en la BEL-estraro aŭ la konstanta skipo de la revuo), kiu havos antaŭ la limdato (30-a de aŭgusto 2002) malpli ol 35 jaroj.
- Ĉiu partoprenanto rajtos sendi kiom ajn da konkursaĵoj.
- La konkursaĵoj devos esti eseaj kaj sendiĝu kun pseŭdonimo. En fermita koverto, kune sendita, estu la vera nomo de la partoprenanto, ties naskiĝdato, nomo de la gepatroj kaj korespondadreso.
- La verkoj estu inter 2,5 kaj 3 paĝoj longa (unu paĝo egalas al 20 linioj je 70 tajpospacoj).
- La venkinto havos sian tekston plene publikigita en la revuo kaj ricevos egalvaloron de R$300,00 (tricent realoj) je esperanto-libroj de li elektotaj.
- La dua loko havos sian nomon menciita en la revuo kaj ricevos egalvaloron de R$200,00 (ducent realoj) je esperanto-libroj de li elektotaj.
- La tria loko havos sian nomon menciita en la revuo kaj ricevos egalvaloron de R$100,00 (cent realoj) je esperanto-libroj de li elektotaj.
- La juĝkomisionon konsistigos: Josias Ferreira Barboza, Floriano N. Pessoa, Paulo S. Viana, Gilbert R. Ledon, Symilde S. Ledon, Flavio Fonseca, Carlos Maria kaj Cícero Gabriel Soares.
- La rezulto troviĝos en la hejmpaĝo de BEL en la unua semajno de oktobro kaj publikiĝos en la jarfina numero de la revuo.
- La juĝkomisiono havos la rajton ne premii unu aŭ ĉiujn lokojn (1-a, 2-a kaj 3-a lokoj) se la kriterioj por taksado ne estos atingitaj.
- La kriterioj por taksado estos la jenaj:

  1-a loko : Bonega (8 A entute)

  2-a loko : Tre bona (6 A aŭ malpli ol la unua)

  3-a loko : Bona (4 A aŭ malpli ol la dua)
- Oni taksos la verkojn laŭ *gramatika korekteco, vorta korekteco, kohereco en la ideoj, koncerna enhavo* kaj *stilo*.
- La juĝkomisiono analizos neantaŭviditajn kazojn.
- Oni sendu la verkojn al BEL – Brazila Esperanto-Ligo, Caixa Postal 03625 Brasília-DF 70.084-970 Brazilo, zorge de la konkursestro, Emerson Werneck.

# Ne nur por infanoj

Valério Rodolfo



En Brazilo ĉiuj konas la aventurojn de la literatura trupo de Monteiro Lobato. Temas pri famaj personuloj vivantaj en la Bieneto de la Flava Pego, prezentitaj en diversaj libroj, kiuj estas la bazo de la brazila infanliteraturo. Kaj tial, ke antaŭ kelkaj jaroj ili gajnis programon en la televido, eĉ la analfabetoj povis amuziĝi per la kreaĵoj de Lobato.



Tamen, tiu famega verkisto havas flankon ne konatan de ne malmultaj. Li ankaŭ verkis por plenaĝuloj pri tre seriozaj kaj gravaj temoj por Brazilo. Kaj grave rolis ne nur kiel verkisto.

Jes, ja, Monteiro Lobato ne estis nur verkisto; li ja estis multflanka homo: bienisto, ĵurnalisto, pentristo, eldonisto de grava kultur-gazeto, eldonisto de belaj kaj bonaj libroj, entreprenisto kaj politikemulo. Jen homo entreprenema, kuraĝa kaj kreiva, pri kiu Brazilo povas fieri. Tiun homon ni ekkonos nun.



## Sudparaiba valo

José Renato Monteiro Lobato naskiĝis en la jaro 1882 en Taubaté, urbo de la sudparaiba valo, ŝtato San-Paŭlo, kie nun oftegas la de ni konataj erenkontiĝoj. Tamen, li ne hezitis ŝanĝi sian nomon por José Bento, pro tio, ke li gajnis bastonon sur kiu estas gravurita la komencliteroj de la nomo de la patro, J B M L (José Bento Marcondes Lobato).

Nu, dum la infanaĝo li multe legadis, kaj ekde tiam li estis tre scivolema kaj volis koni ĉion, demandi pri ĉio, pri la videblaj aferoj kaj nevideblaĵoj. Kun ĉiuj li ŝatis konversacii, por lerni el la pensoj de la aliuloj. Li atente observadis la naturon kaj malkovris ĝiajn misterojn. Tiel estis Lobato dum la tuta vivo.

Kompreneble, pro la profunda lernado de la homoj kaj de la naturo Monteiro Lobato opiniis pri ĉio kaj klopodadis ŝanĝi tion, kion li konsideris nebona.

El la vivo en la sudparaiba valo li ĉerpis inspiron por unu el liaj plej famaj personuloj, Jeca Tatu, pigra kaj ne iniciatema homo, analfabeta kaj senperspektiva civitano. Multe poste, li petis pardonon al la sudparaibanoj, konsiderinte ke Jeca Tatu estis forgesita senpovulo, antaŭ la malkompetenteco de la registaro pri la sociaj problemoj en la regiono.

Li fariĝis orfo ankoraŭ juna...lia patro forpasis kiam li

estis 15jara kaj apenaŭ li 16jariĝis forpasis la patrino.

## De bieno al libroverkado

Lia patrino, Olímpia Augusta, instruis al li la alfabeton kaj de ŝi lernis la unuajn nociojn pri la lernejaj lernobjektoj.

Lobato tre ŝatis pentri kaj estis preferinta lerni pentroarton, sed lian avon devigis lin lerni juron.

Tri jaroj post la diplomiĝo li aktivis kiel prokuroro en Areias, urbeto de la sudparaiba valo, dum la plej grava krizo en la historio de la regiono. En 1905 li edziĝis kun Maria Pureza, kaj havis la gefilojn Edgar, Guilherme, Marta kaj Rute.

Lia avo Visconde de Tremembé forpasis en 1911 kaj de li Lobato heredis bienon. Jen la bienisto, sed ne por longa tempo, ĉar en 1917 li ĝin vendis, transloĝiĝis al San-Paŭlo kaj fariĝis libroeldonisto. Jen pri tio li diris al la revuo Leitura:

"Post la vendo de mia bieno kaj transloĝiĝo al San-Paŭlo mi devis serĉi okupon monhavigan. Mi aĉetis periodaĵon, nome *Revista do Brasil* (Revuo de Brazilo) kaj iam mi eldonis libron, iom post alian...kaj kiam mi malfermis la okulojn mi jam estis eldonisto".



Kampanjo por nafto-industrio

Nu, kiel eldonisto Monteiro Lobato klopodis plivastigi la libromerkaton en Brazilo, kaj starigis grandan kampanjon por plimultigi la librovendejojn. Miloj da cirkuleroj estis dissenditaj al komercistoj tra la tuta lando. Li ankaŭ speciale atentis pri novaj talentoj kaj ĉiam klopodis lanĉi novajn aŭtorojn. Vere, Lobato estis revolucia eldonisto, sed finfine li bankrotis.

Pro la bankroto de la eldonejo, Lobato transloĝiĝis al Rio-de-Ĵanejro kaj tie li ekkomencis verkadi infanrakontojn.

Ĝuste en tiu epoko naskiĝis liaj plej famaj personuloj, kaj Brazilo gajnis eksterordinaran verkiston.

Emilja, certe lia plej fama personulo, estas fundamenta kreaĵo de la Lobato-animo. Per ŝi la verkisto instruis al pluraj generacioj la konceptojn pri demokratio, respekto kaj egalaleco. Emilja kaj onklino Anastacio havas multajn seriozajn ideojn pri Brazilo. En la Bieneto de la Flava Pego ekzistas libereco je pensado kaj ĉiuj estas komunistoj laŭ sia maniero, ĉiuj konkretigas en sia ĉiutago la Respublikon de Platono.

Emilja en gramatikujo, Vojaĝo al la Ĉielo, Hans Staden, Historio de la Mondo por la Infanoj, Historio de la Inventaĵoj, Dom Kiĥoto por Infanoj, La Reformo de la Naturo, Fabeloj kaj multaj aliaj libroj faris el Lobato ja la plej gravan verkiston sur la kampo de la infanliteraturo.


Monteiro Lobato en Argentinio

## Fero kaj petrolo

De 1927 ĝis 1931 li laboris kiel komerca ataŝeo en Usono, kaj daŭre verkis. Revene al Brazilo fondas la Cia Petrolo de Brazilo kaj lanĉas, iom poste, kampanjon por la



Monteiro Lobato en Belo Horizonte dum kampajno por nafto-industrio en 1937

tute sendependan.

La petrola monopolo, per la kreado de *Petrobras*, estis sekvo de la kampanjo "La petrolo estas nia", inspirita en lia agado kaj ideoj.

## Konkludo

Bedaŭrinde, la spaco sur la paĝoj de Brazila Esperantisto estas malgranda por tiom granda genio. Restas al ni konkludi, ke Monteiro Lobato , ĉu kiel eldonisto, ĉu kiel verkisto, ĉu kiel entreprenisto, ĉu kiel politika aktivisto, estis homo tute zorgema pri sia lando kaj

ekspluatado de fero kaj petrolo. En tiu fazo, Monteiro Lobato portempe forlasas la aktivecon kiel verkisto kaj eldonisto. Li pasie engaĝiĝis en la batalo por profundaj ŝanĝoj en la brazila socio kaj sekve de tio estis arestita en pluraj okazoj. Lobato estis naciisto, kiu volis por sia lando politikon por ĝisfunda disvolviĝo. Lia revo estis transformi Brazilon en landon prosperan, kun popolo edukita kaj ĝuanta la fruktojn de la progreso. Por li, la malevoluinteco de la lando povis esti superita nur per racia laboro kaj modernigo de niaj ekonomiaj strukturoj.



La fakto estas, ke la tuta verkaro de Lobato estis politika; eĉ en la infanaj libroj oni povas facile konstati la intenco de Lobato pri la politikaj aspektoj de la vivo. Li estis pioniro en la lukto por la konservado de niaj arbaroj, de niaj indiĝenoj kaj nia faŭno.

Li estis ekzempla naciisto, laŭ la bona senco de la vorto, en tiu senco de naciismo sur kiu oni konstruas nacion

akra socia kritikisto, en lando kie abundas "vendistoj" de la patrio. Antaŭ ol ĉio, li estas absolute homeca civitano. Li intense vivis, sed certe li estis ekstertempulo, kiel ĝenerale estas la geniuloj. Ja nun estus la konvena periodo por la agado de Monteiro Lobato. La nuntempa Brazilo bezonegas iun kiel lin, sed li ne plu estas inter ni. Konsole, restas inter ni liaj verkoj, lia ekzemplo kaj la konsilo, kiun li donis al kara amiko: "estu vi mem, ĉar aŭ ni estas ni mem aŭ ni estas nenio ajn. Kaj por esti tio, estas necese laborego kaj senĉesa atento siadefende, ĉar ĉio konspiras por ke ni estu sengravaj numeroj, ŝafoj de pluraj gregoj: la gregoj politikaj, religiaj, estetikaj. La mondo malamas la escepton", kaj esti si mem estas esti escepto.

Tiel estis Monteiro Lobato. Ke ĉiuj brazilanoj lernu el lia vivo. E

## *Frazoj de Monteiro Lobato*

*"Iam mi faros librojn en kiuj niaj infanoj povos loĝi"*

*"Lando fariĝas el homoj kaj libroj"*

*"Tute ne imiti kiun ajn. (...) Ni devas esti ni mem (...) Esti la kometa nukleo, ne la kometa hararo. Antaŭi vicon, ne sekvi ĝin."*

*"Mia nuna plano estas nur unu: provizi feron kaj nafton al Brazilo"*

*"La [sanpaŭla] kamparano estas la senluma urupeo-fungo de putriĝinta arbo (...) Nur ĝi ne parolas, ne kantas, ne ridas, ne amas. Nur ĝi, meze de tiom da vivo, ne vivas" [pri Jeca Tatu]*

*"La historio fare de historiistoj kronitaj de akademioj montras al ni nur la vizitĉambron de la popoloj. (...) Tamen la memoraĵoj estas la alkovo, la pantofloj, la pispoto, la servista ĉambro, la manĝoĉambro, la latrino, la korto (...) de la homaro".*

*Mi pasigis en ĉi tiu prizono, Generalo, neforgeseblajn tagojn, pri kiuj kun granda resopiro mi memoros. Mi havis la okazon observi, ke la plej multaj arestitoj estas homoj kun pli pura kaj nobla animo ol multaj altcelaj homoj libere vivantaj"*

*"Mi estas kondamnita fariĝi la ĉilanda Andersen - eble la latinamerika".*

*"Ĉiuj niaj malbonaĵoj, ekonomiaj, financaj kaj moralaj (...) fontas el unusola kaŭzo: ekonomia malriĉeco, anemio. Transe: mizero"*

*"Estas du manieroj verki. Ĉu verki kun la celo ne malplaĉi aŭ ŝoki iun ajn (...), ĉu sentime diri kion oni pensas, kia ajn estu la rezulto, kio ajn okazu - aresto, pendumo, ekzilo".*

*"Esence mi ne estas beletristo, mi estas pentristo. Mi naskiĝis pentristo, sed ĉar mi neniam serioze uzis penikojn, mi ekhavis, sen ia antaŭpripenso, tiun literaturan derivaĵon, kaj nenion alian mi faras ol pentri per vortoj"*

*"Post kiam mi vidis min kondamnita al sesmonata aresto kaj troviĝis en arestejo de murdistoj kaj rabistoj nur pro tio, ke mi tro obstinis provizi nafton al mia lando, mi mortis je granda parto de mia animo"*

*"Mi opinias la homan estaĵon multe pli interesa en sia infanperiodo ol post kiam ĝi fariĝas idiote adolta"*

*"Futurismo, kubismo, impresionismo kaj *tutti quanti* estas nenio alia ol pliaj branĉoj de la karikatura arto"*

*"La naturo kreis la senfinan tapiŝon, kiu kovras la tersurfacon. Ene de la tapiŝo respekte vivas ĉiuj bestoj. Neniu ĝin detruas, neniu ĝin rodas, krom la homo".*

*"La maniero kontraŭbatali ideon estas lanĉi al ĝi pli bonan ideon (...) Neniam en la mondo kuglo mortigis ideon"*

*"Ĉar por la homo la 'taŭga' klimato estas ununura: tiu de la libereco. Nur en tiu klimato la homo fariĝas feliĉa kaj harmonie prosperas. Kiam ŝanĝiĝas la klimato kaj malaperas la libereco, estiĝas la malĝojo, la aflikto, la malespero kaj dekadenco"*

*"Verki estas kvazaŭ registri psikajn reagojn. La verkisto agas kvazaŭ anteno - kaj el tio fontas la valoro de la literaturo. Per ĝi oni fiksas aspektojn de la animo de iu popolo, aŭ almenaŭ momentojn de la vivo de tiu popolo"*

*"Tio, kio malplej timigas min estas la estonto"*

# Rozesto

Leonardo Nowel Newell

Ruĝa roz'
Praroke duras,
Dum galaksioj
Fone kuras.

Skulptas ruĝ'
La ŝton-petalon;
Ĉielo limas
Ros-opalon:

*Tempon ĝi*
*Iride prismas.*
*La rozospaco*
*Solipsismas.*

*Tempospac'*
*Indiferentas,*
*Kaj la rozesto*
*Prasilentas.*

*Univer'*
*En rosa guto;*
*En roz-momento:*
*Absoluto.*

# Oficialaj Komunikoj

## 87a Universala Kongreso

Ĝis la 30-a de januaro 2002 aliĝis al la Universala Kongreso 357 brazilanoj. La organiza komitato en Fortaleza bezonas volontulojn por helpi en la organizado dum la periodo de la kongreso. Komuna loĝejo kaj manĝado estos la kompenso por la kandidatoj.

## Nova adreso de BEL-libroservo

La nova retadreso de BEL-libroservo estas libroservo@esperanto.org.br. Mendantoj povos per ĝi rekte kaj plej rapide havigi al si la ĉiujn koncernajn servojn.

## BEL preparas novan hejmopaĝon

Leonardo Lacerda estas la respondeculo pri la konstruado de la nova hejmopaĝo de BEL. Estas antaŭvidate, ke ĝi inaŭguriĝos en aŭgusto 2002.

## Projekto *Monda Universitato*

Kun la kunlaboro de Adonis Saliba, doktoro pri nuklea energio, BEL ekmoviĝas por la starigo de virtuala Monda Universitato.

MU celas disponigi al interesatoj kursojn pri temaro proponita de docentoj kaj spertuloj. Ĝia eduksistema bazo estos rekta kontakto inter la tema spertulo kaj la lernanto, surbaze de ĉiuj rimedoj de la teknologio de informado.

## Biblioteko de BEL

Néia Lúcia Souza, eks-prezidantino de BEL kaj profesia bibliotekistino, sin dediĉas al la organizado de la biblioteko de nia institucio, celante tuj refunkciigi ĝin, en la BEL-sidejo. Softvaro specifa por ĝi estis mendita kaj volontuloj helpas ŝin en la malfacila kaj temporaba laboro.

## Rezulto de FK-enketo

La prezidanto de la Federacia Konsilantaro de BEL prezentis al ties estraro la rezulto de la enketo farita en la unuaj monatoj de la kuranta jaro. Al ĉiuj – entute 85 – Esperanto-organizaĵoj en Brazilo estis sendita demandaro, kun la peto, ke kune kun la respondoj oni sendu ankaŭ la protokolon de la elektado de la oficanta estraro, la statuton kaj jaran raporton. Jen la listo de la respondintaj asocioj:

| Nomo de la organizaĵo | Ĉu oni sendis protokolon de la elektado de la estraro? | Ĉu oni sendis la statuton? | Ĉu oni sendis jaran raporton? |
|---|---|---|---|
| Alagoana Esperanto-Asocio | Jes | Jes | Jes |
| Anápolis Esperanto-Klubo | Ne | Ne | Ne |
| Esperanta Klubo Zamenhof | Jes | Jes | Jes |
| Esperanta-Rondo Duque de Caxias | Ne | Ne | Ne |
| Esperanto-Asocio de Brasília | Jes | Jes | Ne |
| Esperanto-Asocio de Foz do Iguaçu | Jes | Jes | Ne |
| Esperanto-Asocio de San-Paŭlo | Jes | Ne | Ne |
| Esperanto-Klubo de Araraquara | Jes | Jes | Jes |
| Esperanto-Klubo João Ernesto | Jes | Jes | Jes |
| Esperanto-Societo de Minas Gerais | Jes | Jes | Jes |
| Gaŭĉa Esperanto-Asocio | Jes | Jes | Ne |
| Kultura Kooperativo de Esperantistoj | Jes | Jes | Jes |
| Nia Espero Esperanto-Grupo | Ne | Ne | Jes |
| Paranaa Esperanto-Asocio | Ne | Ne | Ne |
| Pinarbara Esperanto-Grupo | Ne | Ne | Jes |
| Potigvara Esperanto-Asocio | Jes | Jes | Ne |
| Taguatinga Esperanto-Klubo | Jes | Jes | Jes |
| Volta Redonda Esperanto-Klubo | Ne | Jes | Jes |

**Tre plezure ni** ricevis jam du numerojn de Brazila Esperantisto, kiu ekzemplodone ornamas vian brazilan e-movadon kaj vian landon. Nome de Barilochea Esperanto-Rondo, niajn gratulojn!
Werner Shcad,
sekretario de BER

**Via bela kaj impona organo** okulfrapis miajn okulojn. En Esperantujo vere raras ĉarma organo aŭ gazeto post malapero de *El Popola Ĉinio* kaj *La Espero el Koreio*. Sed, via organo donis novan esperon al koreaj esperantistoj. Mi esperas, ke via organo kaj movado estu longviva kaj prosperu!
LEE Jung-kee, Prez. de Korea Esperanto-Asocio.

**Dankon pro la lasta numero** de BE. Rigardinte la kovrilon... mi ploretis, pro tio, ke krom la beleco, la ĉeftemo estas KKE!
La raporto eldonita de Sartorato, pri Kultura Kooperativo de Esperantistoj, estas bela, belega! Mi amas tiun organizaĵon. Kiam mi iras tien, mi volas kisi la murojn, la fenestrojn, la meblojn kaj la anojn.
Mirna Marino Duarte,
Petrópolis, RJ

**Ni vivas en tempo** tre malcerta kaj malfacila. Estas malfacile antaŭvidi, kion la kuranta jaro alportos al la homaro. Eble ĝi ankoraŭ enskribos sin per verdaj literoj sur la historiaj paĝoj de la interkompreno kaj interkonsento. kaj tiuj malfacilaĵoj en kiu ni vivas, estas nur malfacilaĵoj de la transira epoko Ni streĉu ĉiujn fortojn por helpi al la homaro venki la malvarmon kaj la antaŭjuĝon. Al tuta komunumo de la grava revuo "Brazila Esperantisto", bonvolu akcepti miajn plej sincerajn salutojn.
Lúcia Marder,
Porto Alegre -RS

**Kun granda ĝojo** mi ricevis kelkajn ekzemplerojn de *Brazila Esperantisto*. Mi tutkore dankas al vi pro tio. Vere via revuo estas belega, bonkvalita, informo-riĉa kaj ĉiohava por la intereso de leganto. En Decembro pasint jare mi ekspoziciis ilin dum la jara kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio. Mi refoje dankas vin kaj esperas pliviglan movadon en via lando kaj en la tuta mondo. Dezirante al vi kaj lokaj geesperantistoj sanon, sukceson kaj feliĉon.
Muhammad NAEEM Javaid,
Lahore, Pakistano.



## ANONCETOJ

Mi deziras informiĝi pli funde pri "Capoeira". Olivier Gaudefroy, 7 avenue du Parc de l'Etuvée, 45000 Orléans, Francio.

---

S.ano Draguŝko Petrov, redaktanto de la periodaĵo Interligilo, eldonita en Bulgario, organo de IPTEA (Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista E.Asocio) petas, ke la brazilaj kaj alilandaj esperantistoj laborantaj pri tiaj fakoj, kaj ankaŭ en radio- kaj televidstacioj provu aranĝi fakan kunsidon okaze de la Fortaleza UK.

---

Niaj meksikaj komencantoj volas korespondadon kun esperantistoj el la tuta mondo, kaj tiel lerni pli kaj pli nia karan lingvon. Ili estas: Luis Eduardo Rea Zacanini, Advokato, 49-aĝa, Cupatitzio #25-304, Col. Centro CP 60 000, Uruapan Michoacan, Mexico, *UISEDUARDOREAZACANINI@hotmail.com*; Luisa Rea Gomez, Studentino, mezlerneje, 14-aĝa, Rio Coatzacoalcos # 1361, Col La Pradera, CP 36630. Irapuato, Guanajuato, Mexico, Email: *caludalu21@hotmail.com*; Luis Eduardo (filo) Rea Gomez, Studento pri arto, 19-aĝa, Cupatitzio #25-304, Col. Centro CP 60 000, Uruapan Michoacan, Mexico, *percebe13@hotmail.com*; Daniela Rea Gomez, Cupatitzio #25-304, Col. Centro CP 60 000, Uruapan Michoacan, Mexico, *danielarea@hotmail.com*; Jose Angel Mandujano, Juĝisto, Luis Kuhne 56-602, Col. Las Aguilas Del. Alvaro Obregon, CP 3110, Mexico DF, Mexico, Sofia Carbot Rodriguez, Venturina # 101, Col. Estrella, Mexico DF, CP 07810, Mexico; Gregorio de Jesus, Meksika blinda esperantisto, ekzemplo por esperantistoj!!, Prol. Juarez No. 237, Col. Ampliacion Nativitas, CP 16450, Xochimilco, Mexico DF, Mexico, *olivitamx@hotmail.com*; Luis Cordova, La Instruisto, Copilco 300, ed 12, dep 4, Col Copilco Universidad, 04360, Del Coyoacan, Mexico DF, Mexico, *luismexicali@hotmail.com*.

**Teksto de** Gacy Simas **Desegnoj de** Elison **Traduko de** Valério Rodolfo


























# Recife

## Nia urbo

Recife naskiĝis de vilaĝo de fiŝkaptistoj en la tria jardeko de la 16-a jarcento, apud natura haveno formata de koralaj rifoj, de kio originis ĝian nomon *rifo* (en la portugala *recife)*.

La urbo kreskis kiel komerca centro, favorata de ĝia haveno kaj de ĝia privilegia situo por komercado kun Eŭropo. Jam en la 20-a jarcento ĝi disvolvis konsiderindan diversvaran industrian agadon.

Kun malgranda teritorio, nur 207 km2, la urbo ekspansiis enen de la najbaraj municipoj, formante unu el la plej gravaj metropolaj areoj en Brazilo, kie nun vivas iom pli ol 3,3 milionoj da loĝantoj.

Hodiaŭ Recife elstaras ankaŭ en la lando kiel grava centro kultura kaj servliveranta.





Fotoj: interreto

## Nia movado

Ĉefrolas en la esperanto-movado en Pernambuko la Pernambuka Esperanto-Asocio, kiu havas propran sidejon. Biblioteko kun ĉirkaŭ 626 libroj funkcias regule, zorgata de la studento Wendel Pontes kaj malgranda libroservo disponigas didaktikajn librojn kaj vortarojn.

La bulteno *Pernambuka Esperantisto* portugallingve aperas dumonate. La Asocio okazigas en la kvara sabato de ĉiu monato distran kunvenon por babilado en drinkejo urbocentra kaj trimonate renkontiĝon de esperanto-instruistoj.

La prezidanto estas Jannes Mabesoone kaj la sekretario Luiz Márcio Assunção, ambaŭ profesoroj de la Federacia kaj de la Ŝtata Universitato de Pernambuko. Hamilton Nery estas la kasisto kaj Wendel Pontes, la bibliotekisto.

En la ŝtata e-movado viglas ankaŭ aliaj institucioj, nome Pernambuka Spiritisma Federacio, Katolika Esperantista Movado kaj Brazila Asocio por Kursoj kaj Didaktiko de Esperanto.

En Altlernejo pri Administracio, ĉiujn semestrojn prelegas pri Esperanto al la novaj studentoj de la kurso pri administracio la profesoro Luiz Márcio, kaj Hamilton Nery gvidas elementan neoficialan e-kurson .

# Esperanto diskonigita al miloj da homoj

César Dorneles Soares*

Okaze de la 2a Monda Socia Forumo, realigita en Porto Alegre, de la 31a de januaro ĝis la 5a de februaro 2002, kiel instrumento de rezistado internaciskala al la imperiisma tutmondiĝo ekskludema, la Esperanto-movado de la regiono kaptis la okazon por aranĝi tute unikan kaj ege gravan diskonigadon de nia transnacia lingvo, sub la aŭspicioj de BEL/UEA kaj speciala apogo de GEA-Gaŭĉa Esperanto-Asocio. Jen la ĉefaj atingoj de tia laboro:

## La marŝado

La 31an de januaro, okaze de la malferma tago de la Forumo, ĉirkaŭ 50 mil homoj el Brazilo kaj el aliaj mond-partoj, partoprenis en 2-kilometra grandioza marŝado de la urbocentro de Porto Alegre ĝis la amfiteatro *Pôr-do-Sol*, ejo de la malferma ceremonio, ĉe la bordo de la lago Guaíba. La esperantistoj de la regiono, en konsiderinda nombro, partoprenis portante aron da slogan-tukoj atento-kaptaj. Ĉe la amfiteatro oni restis dum la tuta tempo por eksponado de la slogan-tukoj kaj distribuado de multnombraj faldfolioj.

## Prelego ĉe ADUFRGS

La 1an de februaro, ĉe la sidejo de ADUFRGS - *Associação de Docentes da UFRGS* (Asocio de Profesoroj de la Federacia Universitato de Rio Grande do Sul), la instruisto César Dorneles Soares, akompanata de diversaj geesperantistoj kiuj ankaŭ kaptis la okazon por manifestiĝi, partoprenis en la prelegaro *Por uma Nova Babel: tradução e tradutores no mundo "global"* (*Por iu Nova Babelo: tradukado kaj tradukistoj en iu "globala" mondo*), aranĝita de *Tradutores Solidários* (Solidaraj Tradukistoj - Interreto) kaj Solidaritrad (Francio). Estis disdonitaj faldfolioj al ĉiuj ĉeestantoj.

## La prelego en la forumo

La 2an de februaro, ĉe la kampuso de PUCRS (Pontifika Universitato Katolika/RS) en Porto Alegre, oni realigis nome d eBEL/UEA la prelegon *A Língua Internacional Esperanto como Instrumento de Promoção da Paz* (La Internacia Lingvo Esperanto kiel Instrumento de Subteno al la Paco). Ĉirkaŭ 120 homoj atente informiĝis pri Esperanto laŭ la jena programo: Kio estas Esperanto (Luiz Fernando Puhl), Kiel estas Esperanto (Marcelo Stodoto - delegito), Esperanto en la Nuntempo (César Dorneles Soares), Esperanto kaj Interreto (José Alzemiro Pacheco) kaj Esperanto kaj la Paco (Maria da Glória Geyer - delegitino). Inform-materialon ricevis ĉiuj aŭskultantoj.




Fotoj: disconigado

La esperantistoj klopodis partopreni en ĉiuj momentoj

*César Dorneles Soares

# Utilaĵoj por instruistoj




subtekste
D-ro Paul Gubbins
FEL
72
21 x 30 cm
Broŝuro, kolora kovrilo
$ 29,00




Dicionário Completo Esperanto/Português
Allan Kardec Afonso Costa
FEB
538
18 x 23 cm
Broŝuro, kolora kovrilo
$ 28,00




Dicionário Português/Esperanto
Allan Kardec Afonso Costa
FEB
550
18 x 23 cm
Broŝuro, kolora kovrilo
$21,00




Grande Dicionário Esperanto/Português
Ismael Gomes Braga
KKE 576
14 x 21 cm
Broŝuro, kolora kovrilo 2a eldono kun suplemento de Sylla Chaves $21,00




Ellernu! Progresa kurso de Esperanto
Francisko Szilágyi
KKE
121
16 x 23 cm
Broŝuro, unukolora kovrilo
$9,00




La vort-strukturo en Esperanto
René de Saussure
Lorenz 32
15 x 22 cm
Broŝuro, kolora kovrilo Reeldono de grava esperantologia verko
$ 4,00




Reações Psicológicas ao Esperanto
Claude Piron
Afonso Soares
Zamenhof Editores
EM 16 14 x 21 cm
Broŝuro, dukolora kovrilo
$ 2,00

Simboloj: Libro Titolo Aŭtoro Tradukisto Editora Lernolibro Lingvistiko EM Esperanto movado Nombro de paĝoj Grando Rimarko Komentario $ Valoro en realoj

# UEA-Komisiono por Ameriko malfermas oficejon en Ameriko

Atilio Rojas

Post sufiĉe longa ekster-oficiala debato kaj iom pli frua pritraktado kadre de la UEA-Komisiono por Ameriko, oni pozitive decidis starigi oficejon de UEA-KA en Ameriko, pli ekzate en la amerikana Brazilo. Multe helpis la preteco de Brazila Esperanto-Ligo disponigi ĉambron en sia sidejo, en Brasília.

Praktike, UEA-KA ekfunkcios la 2an de majo kaj havos 8-monatan provperiodon, dum kiu oni havos la taskon vivantigi ĝin. En decembro 2002 UEA-KA, kun la konsilo kaj subteno de la UEA-estraro, devos decidi pri la estonto, kio dependos ne malĉefe de malkovrado de sponsoroj por la pluvivigo de la oficejo.

Nu, kiujn taskojn UEA-KA prizorgos? Jen kelkaj el ili:

- administrado de adresaro de amerikaj esperantistoj, laŭ landoj;
- teni regulan kontakton kun la diversaj aktivuloj en la kontinento;
- provizi per taŭgaj retkursoj en la ĉefaj lingvoj de la kontinento (angla, franca, hispana, nederlanda, portugala);
- provizi la redakton, presadon kaj dissendon de AkvtivAmeriko kaj Dosiero Partopreno;
- teni konstantan kontakton kun la UEA-Komisiito kaj Komisiono;
- dokumenti kaj arkivi la historion de la amerikaj kongresoj;

Oni esperas, ke per tiu oficejo, UEA-KA sukcesos profiti pli funde el la potencialo en Ameriko por Esperanto.

# Brazila Kroniko

Zamenhof-Tago

## Denove en la Pola Ambasadejo

*La pasinta jaron en Brasília la Pola Amabasadejo denove gastigis la lokan esperantistaron por festi la datreveno de la iniciatinto de Esperanto kaj la Tagon de la E-Libro. Kiel en la pasintaj jaroj, la etoso estis tre agrabla pro la gastemo de la polaj amfitrionoj kaj muzikaj eroj briligis la eventon.*
*Ĉeestis ĉirkaŭ 100 esperantistoj, inter ili pola e-familio ekskursanta tra Brazilo. La pola ambasadoro, Jacek Hinz, esprimis sian deziron akcepti la esperantistojn en decembro 2002. Verŝajne tiu festo fariĝos tradicio en la brazila ĉefurbo.*



Foto: disconigado

Ulisses Riedel intervjuas la polan ambasadoron

E-iniciato

## Unu jaro sur la placo




*La antaŭ nelonge 1jariĝinta iniciato de la esperantistaro de la urbo São José dos Campos ricevis la apogon de Brazila Esperanto-Ligo kaj fariĝis projekto por naciskala adoptado. La laboro konsistas en tri etapoj: unue oni laboras por konvinki la mastrojn de revubudoj kaj librovendejoj meti esperanto-librojn inter la venditaj varoj. Se estas sufiĉe da homoj, la dua etapo estos plenumita: starigo de propra budo en foiroj, almenaŭ unu fojo semajne kaj fine la tria kaj plej ambicia celo estas la fondo de propra e-librovendejo, funkciante plentempe dum la komerca horaro.*
*Ĝis nun nur pliaj du urboj aliĝis al la projekto, São Vicente/SP kaj Valença/RJ, sed la entuziasmo kaj la persistemo de la organizantoj de tiu bela kaj utila iniciato estas garantio, ke estos daŭra rikoltado de bonaj fruktoj dum la venontaj jaroj. La partopreno de via asocio estas senprokraste atendata.*

## Esperanto-Klubo kontraŭbatalas analfabetismon

*De julio 2001 Tri-rivera E-Klubo instruas al kelkdeko da homoj leg-scipovon, kadre de kontrakto kun Ŝtato Rio-de-Ĵaneiro: la klubo havigas kandidatojn (kiujn konkurse elektas la Ŝtato) al instruado, klasejojn kaj kun-administras la aferon; la Ŝtato provizas monate monhelpon por la instruantoj (po R$200,00) kaj por la klubo (R$40,00 po klaso), lernomaterialon kaj pedagogian prizorgon. La klasoj funkcias dek monatojn en urbaj/ŝtataj lernejoj, preĝejoj, kluboj, ks. De lundo ĝis ĵaŭdo po 2h30min.*
*Vendrede la instruantoj kunvenas kun la pedagogo de programo. Por starto necesas 20 gelernantoj po klaso. Kune kun legscipovo la Programo ("MOVA") celas altigi la memfidon de la gelernantoj tiel ke poste ili venu en la ordinaran lernejsistemon por studdaŭrigo.Jen sekvinda vojo por la Esperanto-movado: la socia engaĝiĝo. Kvankam unuavide oni ne facile rimarkas ligitecon inter movado porlingva kaj socia engaĝiĝo, tio certe estas tendenco en moderna Esperantio.*

Belo Horizonte

# Esperanto en lernejoj

*En la lasta semajnfino de novembro okazis renkontiĝo en la moderna urbo Belo-Horizonto, efektivigita de Esperanto-Societo de Minas Gerais (SEM), kies prezidanto estas Carlos Alberto Monteiro Leitão. BEL ĉeestis kaj partoprenis pere de 2 reprezentantoj: Lício de Almeida Castro, BEL-prezidanto, kaj Profesoro Devanízio Apolinário dos Santos, eks-direktoro de CIL n-ro 1 de Brasília (Interlerneja Lingvo-Centro) kaj instruisto de la angla kaj esperanta lingvoj.*
*La partoprenintoj entuziasme diskutis pri la grava temo "Esperanto en la brazilaj lernejoj" kaj pri la laborprogramo de BEL – "Surstratigo de Esperanto".*



**Devanisio (desktre) prelegis pri Esperanto en la lernejoj**

# Zamenhofa kunveno en Rio-de-Ĵaneiro

*En decembro okazis, en la sidejo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, tre sukcesinta Zamenhofa Festo en Rio-de-Ĵaneiro, komune organizita de AERĴ/KKE. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 50 homoj, ne nur Rio-anoj, sed homoj el najbaraj urboj Niterói kaj Três Rios kaj franca esperantista paro, Davi kaj Rachel, mondvojaĝintoj kiuj estis en Rio ĉi-okaze. La programo konsistis el saluto de la reprezentanto de AERJ, Alfredo Aragón; lanĉo de 3 kodiskoj kaj 1 vidbendo fare de Sylla Chaves; paroladeto de Afonso Soares; diplomdisdono al kursfinintoj de Jair Salles ĉe KKE; intervjueto kun la franca paro; prezentado de la kantistino Vera Jordan, kiu kantis tri muzikojn en Esperanto kaj saluto de la prezidanto de KKE, Givanildo Ramos Costa. La evento estis gvidita de Aloísio Sartorato, kiu legis poeziaĵojn de Zamenhof inter la diversaj programeroj.*

Diskutlistoj

# Virtuala fenomeno




Fotoj: interreto




*Diskutilistoj estas fenomeno, kiu montras al ni, ke estas multe pli da homoj interesataj pri Esperanto ol ni povas imagi. Laŭ la nomoj de la plej aktivaj partoprenantoj de tiuj dissendolistoj, oni povas konstati, ke multaj estas veteranaj movadanoj, kiuj inkluzive ja partoprenas la realan movadon, dum multaj aliaj estas tute novbakitaj esperantistoj. Pro tio la ĉefa demando estas ĉu tiuj virtualaj novbakitoj, aliĝintaj al ĉiuj brazilaj listoj en la portugala pri Esperanto — inter ili Eki, la pionira, kaj Esperanto-BR, la plej granda — pretas aktivadi en la reala movada mondo. Por multaj tiu demando ja ne gravas, ĉar interreto estas tute nova formo por movadumi, sen influo sur la eksterinterretan mondon. Nu, jen interesa temo por esplorado, fare de la kunordigantoj de la brazilaj listoj.*

# Diplomiĝo en TEK

*Taguatinga Esperanto-Klubo la trian fojon realigis sian someran kurson, dum ses semajnojn, sub la gvidado de Carlos Maria. La lecionoj okazis ĉiutage, de lundo ĝis vendredo, de la sepa ĝis la oka vespere, laŭ la metodo Esperanto Conversacional, de Jair Salles. El la 10 enmatrikuliĝintoj 8 finis la kurson. La atestiloj estis disdonitaj je la 24a de februaro, kadre la la Matenkafo, tradicia evento de TEK, ĉiam je la lasta dimanĉo de la monato. Luciano Barbosa da Silva, unu el la kursfinintoj, jam funde engaĝiĝis en la e-laboro, kiel help-libroservisto de BEL.*



**TEK-diplomintoj: Luciano, Dadá, Leo e Taíse**

Rondonópolis-MT

## Esperanta Stacidomo

*La kampanjo por esperantlingvajn ŝildojn en la nova stacidomo de Rondonópolis estis tre sukcesa! La inaŭguro okazis en la 10a de decembro, kaj la esperantlingvaj skribaĵoj vekas grandan intereson ĉe la publiko.*
*Dum la kampanjo la administrantoj ricevis pli ol mil mesaĝojn, el pli ol 70 landoj, kaj kvankam la esperantistoj pretis traduki la ŝildojn ankaŭ al la angla kaj hispana, tamen ili preferis nur Esperanton. Kial? Laŭ Carlos Pereira, el Rondonópolis, la tieaj esperantistoj konvinkis la administrantojn - ne temas pri politikistoj, sed pri entreprenistoj ĉar la stacidomo estas privata - ke ŝildo en la angla tute ne vekus atenton, kaj povus eĉ trovi reziston.*
*La urbanoj aprobis la ideon, kaj la esperantaj ŝildoj okazigas favorajn menciojn en la gazetaro.*
*Pli detalan raporton kaj fotojn vi trovos en la paĝo http://www.kurso.com.br/stacidomo/index.html*



Gastejo

## La Verda Stelo *inaŭgurita en Niterói*




*En Niterói, najbara urbo al Rio-de-Janeiro (20 minutoj per ŝipo!) estis inaŭgurita la Gastejo «La Verda Stelo». La iniciatinto estas nia samideanino Maria das Graças Carâp kaj la celo estas precipe ebligi malmultkostan gastigadon al landaj kaj alilandaj esperantistoj, kiuj volas viziti la «Mirindan Urbon» (= Rio-de-Janeiro) kaj la same belan Niterói, kun siaj belegaj plaĝoj kaj fama Muzeo pri Nuntempa Arto (arta kreaĵo de la mondfama arkitekto Oscar Niemeyer). La ordinara tranokto kostas R$ 25,00 (por neesperantistoj) kaj R$ 20,00 (por esperantistoj), kun rajto je matenmanĝo kaj littuko. Pliajn informojn sin turnu al Maria das Graças Carâp, Rua Lara Vilela, 167, Ingá, Niterói, CEP 24210-590 aŭ per la telefonoj 2719-8174 kaj 2620-3660 aŭ per la retadreso <vcarap@nitnet.com.br>*

Ĵurnalismo

## Studento elektas Esperanton kiel temon



*La esperantisto Edgar Massaaki Egawa, juna studento pri ĵurnalismo en San-Paŭlo, elektis la temon* ***Esperanto en la gazetaro*** *por fakultata esplortasko. Li analizis kiom ofte kaj kiel Esperanto estis pritraktita de la brazila gazetaro en la lastaj jaroj. Malgraŭ la malfacilaĵoj, Edgar Massaki sukcesis kompili treege interesan materialon. Multaj citaĵoj kaj favoraj kaj malfavoraj kaj neŭtralaj estis listigitaj de la studento, kaj inter ili la jenaj:*
*Revuo* Speak Up! *(Majo 1994):*
*la raporto* A language of, *de Donald Watson, pritraktas la kreadon de Esperanto kaj la similaĵojn kaj malsimilaĵojn inter ĝi kaj la angla. La ĵurnalisto de* Speeak Up! *konkludis, ke la angla estas "kanibalo de la lingvoj, dum Esperanto helpas ili pluvivi!*
Superinteressante, *(Junio 1995):*
*Prezentas la historion de Esperanto kaj ties gramatikon. Iom fuŝete asertas, ke la lingvo havas ses gramatikajn regulojn.*
*Revuo* Expert Premium *(19-a numero):*
*citas vortaron kaj kurson haveblajn en la kunnumera kd-romo per teksto kiu similas al esperantista propagando, tiom fanfarona estas la lingvaĵo.*
*Inter la malfavoraj citaĵoj, ĵurnalo* Folha de San-Paŭlo *(Aprilo 1998) en priinterreta paĝo komentarias pri "tiu lingvo kiu estis inventita por fariĝi universala, sed kiun neniu parolas".*
*Estas tre gojige, ke juna kaj talenta studento pri ĵurnalismo estas esperantisto.*
*Ni deziras al Edgar brilan karieron.*

e-Libro

## Por moderna mondo

Esperanto para um mundo moderno *(Esperanto por moderna mondo) estas la titolo de elektronika libro disponebla ĉe http://www.esperanto.org.br/eki/epm.pdf (1,7Mb) aŭ http://www.esperanto.org.br/eki/eopo.pdf (0.6Mb). Temas pri 104paĝa teksto, ilustrita, kun komentarioj de Adonis Saliba pri la lingva problemo kaj pri la solvo Esperanto. La celata publiko estas la universitata. Kune kun la libro estas vortareto Portugala-Esperanto kun 6000 kapvortoj, elaborita pere de VEKI – Virtuala Esperanto-Klubo Internacia, sub la kunordigado de Luiz Vêncio. Oni planas kompletigi la verkon per kompilado de facila legomaterialo kaj ekzercaro.*

e-Radio

## Nova radio-programo Interrete

*La Departemento pri Esperanto de Radio-stacio Rio-de-Ĵanejro disaŭdigas per Interreto alian radio-programon. Ĉi-foje temas pri "Evangelio, Spiritismo, Esperanto", tradicia programo produktata de Brazila Spiritisma Federacio (BSF). Elsendata de tiu radio-stacio ekde 1977, unue sub la respondeco de Affonso Soares, "Evangelio, Spiritismo, Esperanto" estas parolata esperante kaj portugale. Ĝia nuna radi-parolisto estas Elmir dos Santos Lima. La programo, kiu enhavas informojn pri la esperanta movado, pri la lingvo mem kaj pri la Spiritisma Doktrino, daŭras ĉirkaŭ 15 minutoj. La adreso de la hejmopaĝo de Departemento pri Esperanto de Radio-stacio Rio-de-Ĵanejro estas www.linguadafraternidade.hpg.com.br*

San-Paŭlo

## Ĉe tradicia falkultato

*En la Jura Fakultato de Placo San-Francisko (*Faculdade de Direito do Largo São Francisco*), la unua fakultado fondita en Brazilo, en la jaro 1827 en la ŝtato San-Paŭo, la 4an de aprilo 2002 okazis la evento "Esperanto ĉe l' Arkadoj", antaŭpreparita per la disdonado de informiloj pri Esperanto al pli ol kvarcent gestudentoj kaj surmurigado de dekoj da afiŝoj. La evento estis organizita de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, enhavante tri diversajn erojn:*

*- Ekspozicio de libroj en kaj pri Esperanto kaj pluraj aliaj esperantaĵoj, krom vigla informado kaj disdonado de informiloj al studentoj, profesoroj kaj funkciuloj de la fakultato. Vizitante la ekspozicion, la prezidantino de la Studenta Centro tre bone impresiĝis kaj promesis disvastigi al la studentoj pli daŭre la venontajn UK kaj ĉefe la IJK okazontajn en Brazilo.*

*- Prelego de Gilbert R. Ledon pri la temo "Kial Monda Lingvo?". Per sia ĉiam impresiga maniero prezenti tre diversajn temojn, nia fama verkisto kaj movadano entuziasmigis la ĉeestantojn per sia prelego-debato pri Esperanto kaj pri la monda lingva problemo kaj ties interrilato al la politika kaj socia monda situacio.*

*- Deklamfesto estas evento tre fama kaj tradicia por la studentoj, organizita de Beletra Akademio de la fakultato. Kiel kutime, centoj da personoj ĉeestis Deklamfeston, almenaŭ momenton, gustumante vinon, aŭdante kaj prezentante poeziojn. Ĉi-jare ĝi estis dulingva Esperanto-portugala, kun prezentado de kanzonoj kaj poezioj el la portugala lingvo en la du lingvojn far la konataj lokaj esperantistoj-artistoj José Calixto, Luiz Enrique de Araujo, Lívia Cavalcante, Edson Ponciano kaj Rodrigo de Meo.*



**Ledon, nia verva preleganto**

Foto: disconigado

## Muzikaj notoj

Cícero Soares



Foto: interreto

# Joyce

Ni prezentas la unuan virinan talenton en ĉi tiu serio da brazilaj muzikistoj: Joyce.

La bela kantistino kaj komponistino debutis jam en 1968, per disko kaj partopreno en la tiamaj epokfaraj festivaloj, sed la sukceso venis nur en 1980, kun la ĉi-numera "Clareana". Ĝi ne enhavas la komplikajn bosa-novajn akordojn, kiujn Joyce tiel profunde konas kaj ofte uzas, sed ĝuste ĝia simpleco kaj infanetoso logas niajn orelojn.

Ĝuu ĉi kanzonon, simplan omaĝon al patrineco kaj gravediĝo, kaj uzu ĝin en klasoj ĉar Joyce garantios vian sukceson!

***Klareana***

*Malgranda kor'*
*Miela kolor'*
*Farit' el suker'*
*Ludanta kateto*
*En suna maten'*

*Per bula faden'*
*Patrin' sentas ĝin*
*Korbatoj sen fin'*
*De Klara, Ana*
*En la uter'*
*Akvo, tero, fajro, aer'*

## Semaforismoj

Raymond Schwartz

*Rigida ambicio sur elastaj principoj transiras multajn barojn.*

*Trinki brandon el respektinda kafotaso povas trompi viajn najbarojn, ne vian hepaton.*

# Bogun

Rachel de Queiroz*



Jes, la kato nomiĝas Bogun; poste mi klarigos kial. Nenio estas pli bona ol inspira nomo por stimuli ulon, kaj tiu al ni ŝajnis oportuna. Griza kato, kun la koloro de malhela nubo, elektraj okuloj, silka hararo, blu-persa raso tiel bona kaj tiel antikva kiel la raso de mandareno – kaj, same kiel mandareno, ĝi naskiĝis kun ora stelo super la lulilo.

Komence, ĉar ĝi pezis nur kvarcent gramojn (kaj tricent certe nur de la hararo) – oni ne povis postuli tre multe de ĝi. Ĉar ĝi estis nur bebo, ido antaŭtempe forigita de patrina mamo, kiun telereto da varmeta lakto ebriigis. Sed kia aroganteco, kia aŭdaco, kia memestimo! Kiom da vivo povus esti en tiu kvarcentgrama fadenbulo da griza silko? Eble malmulte, sed malgraŭ tio, ĝi estis kvazaŭ elektra fulmo, nome nura mallarĝa lumstrio, kaj tamen mortigas homon. Tia la kateto: tiel malfortika, ke forta blovo ĝin renversus – sed portis en si tian fajreron de sendependeco kaj individueco, tian memkoscion ĝin apartigantan, ĝin identigantan, inter ĉiuj estuloj en la mondo, katoj kaj elefantoj, fiŝoj kaj panteroj. Unu premo inter du fingroj ĝin mortigus; sed dum oni ne mortigis ĝin, ĝi estis nur ĝi mem, la kateto Bogun, kapabla alfronti la tutan mondon, sentima pri bestoj kaj homoj, kaj iuj ajn aliaj malamikoj; kapabla senzorge oscedi antaŭ la vizaĝo de nekonato, montri la akran ungon al la nazo de hundo ĝin scivole flaranta; kaj post la retiriĝo de la hundo, Bogun fermis la okulojn, senzorge, kvazaŭ ĝi dirus: “Nu, nura hundo...”

Ĝi neniam miaŭis. Kelkfoje ĝi eligas malmildan ĝemon, kiam malsata aŭ kolera. Se ĝi timas, tiam ĝi blove siblas. Sed neniam miaŭis.

Pro ĉio ĉi ĝi gajnis la nomon Bogun. Bogun estis la nomo de plej kuraĝa kozako, juna heroo de kavalir-romano, kiun ni hejme amegis, en nia adoleskaĝo.

Bogun, brava kiel lupo, bela kiel suna tago, fiera kiel Satano. Ni vidis la flavajn okulojn de la kato – egalajn al la okuloj de la kozako, kiel du topazoj (tiel diris la libro) – kaj ni taksis ĝin bona.

Hodiaŭ Bogun kreskis. Sendube bela, eĉ pli bela ol ĝi promesis, kiam ido. Sed kie la karaktero? Nenie la tuteco, la simpla kuraĝo, la senkomplika heroo. Bogun estas komplika kaj duba, sinua kaj surpriza. Sibarito kaj senzorgulo. Ekzemple, kiam eta, ĝi ŝajnis posedi ĉasistan animon. Ĝi kapablis dum horoj persekuti formikon aŭ skarabon. Hodiaŭ ĝi ja ĉasas: sed nur interesiĝas pri cikadoj kaj papilioj. Unu tagon, hazarde, kampara rato trairis ĝian vojon: ĝi digne kaj naŭze retiriĝis kaj dum pluraj tagoj evitis tiun pecon de la korto iritan de tia rodulaĉo. Kelkfoje ĝi de malproksime akompanas la flugon de birdeto – sed kiel fantazion, sen deziro kaj sen impulso. Mi pensas, ke ĝi neniam ricevis en la buŝon vivsangan guston de besto mortigita per sia ungo; mi supozas, ke ĝi eĉ sentus naŭzon. Ĝi ŝatas nur duonkuiritan bifstekon, rizoton, sengrasan fiŝon – sen saŭco. Lakton, nur varmeta. Kaj amas banon, jes amegas banojn! Ĉe kato, ĉu tio ne estas ia degeneriĝo? Ĝi restas kun duonfermitaj okuloj, grumble sidante en la kuvo, dum oni sapumas ĝin. Poste ĝi ĝue permesas, ke oni ĝin sekigu per lanuga bantuko, ke oni brosu ĝin, ke oni metu ĝin sub la sunon, por sekigo. Fine, pufa, mola, parfumita, varma de suno, preskaŭ flagranta per la ŝtalkolora hararo, ĝi venas fiere sin montri en la vizitĉambro, kurbigas la dorson, levas la flokecan voston – por ke ĉiuj vidu, kiel ĝi estas belega kaj riĉa, kaj ĝuema, kaj altvalora, kaj neimitebla.

Fine, satiginte sian vantecon, ĝi elektas tre delikatan, malvarmetan pajlan seĝon (ĝi malamas kusenojn, trovas ilin varmaj aŭ vulgaraj), oscedas krispigante la rozkoloran, malglatan langon, sin streĉas, elaste etendas la akran ungon, ripozigas la kapon inter la antaŭajn piedojn kaj ekdormas. Kaj dum ĝi dormas, sen ia zorgo, ĝi estas certa, ke bando da servistoj, da malsuperuloj, nome ni ĉiuj, al ĝi gardas la dormadon.

* Rachel de Queiroz estas fama brazila verkistino



*Fabrício Valle*
Ĉefredaktoro



# Movada defio por ni ĉiuj

Statutoj povas esti simple vortoj sur papero, sen ajna konsekvenco. Kaze de BEL-statuto, ni havas organon kiu povas aktive kaj grave roli por la plivigligo de la brazila movado por Esperanto aŭ resti nur citaĵo formala, kun nenia konkreta rolo, pro manko de politika volo: la FK.

La Federacia Konsilantaro de Brazila Esperanto-Ligo plenumas kontentige sian mision, laŭ la statutaj difinoj? Jen demando, kiun ĉiuj ŝtataj asocioj devas klopodi respondi konkrete kaj tuj. Estas sciate, ke ĉiuj ili havas siajn proprajn problemojn, siajn mankojn, siajn administrajn truojn kaj tio iamaniere povos influi sur ilian partoprenemon en la specifaj problemoj de la nacinivela movado. Sed, ĉu estas ja eble disigi la nacian disde la ŝtataj movadoj? Kiu devas pliboniĝi unue, ĉu la nacia, reprezentata de BEL aŭ ĉu la ŝtataj, reprezentataj de la federaciiĝintaj institucioj? Ĉu ili ne estas ununura afero?

En federacia movado, kiel la nia (almenaŭ teorie, laŭ la statutaj premisoj), oni devas rigardi la aferon kiel tutaĵon, kiel araneaĵon kies centro estas BEL. La periferiaj linioj estas intime interligitaj al la centro; se la centro movadas forte, tio influos la periferion, kaj se la periferio avangardas, la centro estos influata kaj profitos el tio. Do, por la plej bono de la tutaĵo, nepras la kuna laborado. La problemoj de la ŝtataj asocioj estas problemoj de la tuta sistemo, kaj la problemoj de la centra oficejo de BEL, en Brasília, estas problemoj de ĉiuj ŝtataj asocioj. Same pri la venkoj ambaŭflanke. Se ni ne adoptos tiun pensmanieron en nia ĉiutaga movada agado, ne ekzistos federacio, ne ekzistos "brazila movado", sed nur pluraj izolitaj movoj, kaj de individuoj kaj de asocioj, sen ligoj unu kun la alia. La rezulto povos eĉ aspekti kiel forta movado, laŭdata kaj gratulata de alilandanoj, sed metata sub kritika analizado, ĝi estos ne pli ol izolitaj aroj da movoj, neniam unuiĝinta movado, kun pli fundaj sekvoj.

Sojle de la centjariĝo de BEL, ties Federacia Konsilantaro estas antaŭ grava defio: fariĝi viveganta organo, kunlaboranta kun la starigo de vere nacia movado, kun komuna strategio kaj strebado, sub la gvidado de la plenuma BEL-estraro.

Estas evidente, ke sen tia sinteno, BEL ne sukcesos sori tiom alten kiel estas eble, kaj la ŝtataj asocioj perdos la avantaĝojn de forta federacia ligiteco kun la centra institucio.

Nu, ni fakte laboru kune. La vojojn por tiu kunlaborado ni pavimu per nia politika volo.

## Noticoj el la Federacia Konsilantaro

- La hejmpaĝo de la Federacia Konsilantaro, kiuj pritraktos nur internajn administrajn aspektojn de nia movado, jam estas konstruata kaj esperéble povos esti vizitata en propra adreso ĝis la fino de junio.
- Perkomputila prezentado pri la FK de BEL, kun la ĉefaj aspektoj pri ĝiaj celoj, strukturo, agado kaj antaŭvido pri la estonteco ankaŭ estas maniero vaste diskonigi tiun BELeron al la bazoj de nia movado. Ankaŭ ĝi estas pretigata kaj baldaŭ ĝi estos je la dispono de ĉiuj individuoj kaj e-organizaĵoj pretaj kunlabori por la plifortigo de la federacia strukturo de nia nacia movado.
- La demandaro sendita al la ŝtataj kaj lokaj organizaĵoj de la brazila Esperantio, cele al ĝisdatigo de ĉefaj informoj pri ili, estis ĝis nun respondita nur de tre malmultaj. Tio montras, ke niaj movadaj organizaĵoj bezonas vekigilon. La listo de la respondintaj asocioj estis sendita al BEL-estraro, kun la peto por ĝenerala diskonigo.

1887
Zamenhof...
115 jaroj poste
... Ni invitas kaj bonvenigas vin
87-a Universala Kongreso de Esperanto
...Fortaleza 2002

Ni, vi kaj

**E**speranto 

**S**unumado 

**P**laĝo 

**E**kologio 

**R**enkonto 

**A**mindumo 

**N**aturo 

**T**urismado 

**O**maro 

tio estas
E-kongreso



87-a Universala
Kongreso de Esperanto
Fortalezo - Brazilo
03-10 aŭgusto 2002



VARIG
Brasil
Oficiala flugkompanio
www.varig.com.br

ED / Esperanto-asocio de Ceará

# INTERNACIA JUNULARA KONGRESO

58a

**58º Congresso Internacional de Jovens Esperantistas**
**Pato Branko - Paraná - Brazilo**



www.ijkpatobranco.com.br

**de 21 a 28**
**JULIO.2002**

**LÍNGUA**
**CULTURA E**
**OPORTUNIDADES**

**LINGVO**
**KULTURO**
**KAJ OPORTUNECOJ**



**Pato Branco**
Sede do Congresso
**Pato Branko**
Kongresurbo



**Cataratas do Iguaçu**
Entre as maiores maravilhas do mundo
**Akvafaloj de Iguaçu**
Uno el la plej grandaj mirindaĵoj en la mondo



**Hidrelétrica de Itaipú**
Maior do mundo em geração de energia
**Hidroelektrejo de Itaipú**
La plej granda laŭ elektroproduktado